13-a jaro. — N-ro 9 (151) Septembro 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11 ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—

EKSTERLANDE : Belgoj 5.—

ANTVERPENO

1927

13a JARO N-ro 9 (151) Septembro 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BABILADO.

### IOM BATONROMPE

Juna soldato deĵoranta en la aerveturejo de W. ĵus skribis al mi longan leteron por diri, ke Esperanto kompare kun stenografio estas io nekonata de la «indiferenta amaso, kiun propagando ne atingas». — «Vidu, kio estas farata, li diras, en Bruselo por la stenografio; ĉiutage sur la ĵurnaloj estas anoncoj de Institutoj instruantaj stenografion; ... sed por Esperanto nenio simila: en ĵurnaloj, nenio; lernejoj, nenio, en librejoj, nenio; estas nur unu kurso malfermigota ĉe la Belga Stenografia Instituto»...

Kompreneble mi montris al la juna aerveturisto (mi supozas kaj cetere por li esperas, ke li havas la favoron esti juna!), ke certe li vidas la aferon tro, jes vere tro nigre kaj eĉ iomete neĝuste koncerne Esperanton kaj eble iom tro... rozkolora koncerne Stenografion!

Ke stenografio estas fako jam pli favore akceptita kvankam fakte tute ne konata de la «granda publiko» ,dum Esperanto, egale jam sed nur nome konata, estas ankoraŭ iafoje en ridinda maniero mokata de tiu sama publiko, kiu pekas nur pro profunda nescio kaj nepripenso, tio estas io ne diskutebla; sed jen estas precize la tasko de ĉiuj vere konvinkitaj Esperantistoj: ili devas klopodi kaj multaj tion faras, por ĉiam pli konigi la valoron kaj la utilecon de nia lingvo per ĉiuj rimedoj. Sed ni ne forgesu, ke Romo ne estas konstruita en unu tago kaj ke la la Kristaneco bezonis diversajn jarcentojn por venki la mondon, aŭ pli ĝuste, parton de la mondo!

Certe nia gazetara servo agas akurate, laŭdinde kaj efike; kaj ni scias ke Esperanto iom post iom disvastiĝadas en la lernejoj de aro da landoj, kaj eĉ en la nia (4a grado Verviers, vesperkursoj Antverpeno). Estas vere, ke en Belgujo, kaj aliloke, Esperanto ne jam estas ĝenerale akceptita en la oficialaj medioj, sed tio certe venos siatempe, kiam ni estos sukcesintaj «imponi» nian lingvon pro nia granda nom-

bro: la oficialuloj ĉiam nur akceptas favori ion, kiam ĝi estas jam plene uzata de la amaso. La amason n i devas varbi kaj efektive al tio ni laboras konstante. Nia unua TSF kurso, la nova baldaŭ komenĉiĝonta sendube helpos multe en tiu direkto. Sed tiel same, kiel mi rekomendis uzi nian lingvon ĉie kaj ĉiam parole, tiel same ĉiu el ni, sen granda peno nek elspezo povas diskonigi ĝin diversmaniere kaj diversmedie. Ekzemple, mia korespondanto plendas, ĉar en la grandaj librejoj, kiel Lebègue, k. a. ne estas vendataj Esperantaj libroj: tio estas eble iom nia ĉiua kulpo: kiam ni bezonas Esperantan libron aŭ deziras aboni Esperantan gazeton, ni devas, en niaj grupoj, interkonsenti ĉiam fari la mendon ĉe grava librovendisto. Certe li ne povos,en la komenco, liveri al ni la deziratan aĵon, sed la ripetataj petoj pri Esperantaĵoj sendube malfermos al li fine la okulojn, kaj nia Belga Esperanto-Instituto eble trovus tiamaniere fruktodonan kampon komercan por ekspluati... Ĉiuokaze mi memoras, ke antaŭ kelkaj jaroj iu belga ĉiutaga gazeto, malbonvola por akcepti Esperantajn komunikojn, ŝanĝis sian sintenon, post kiam, enpresinte ian tagon artikolon pri nia lingvo, granda aro da personoj (geanoj de Esperanta Klubo) iris, je l' granda miro de l'Redakcio, ĝis elĉerpo aĉeti la ekzemplerojn de l' gazeto «en kiu estis presita tiu artikolo pri Esperanto.»

L. C.

---

# VORTOJ PRI NI

La konata verkisto kaj apostolo de la humanitarismo en Rumanujo, Sro Eugen RELGIS, kiu ĉiuokaze apogis nian movadon ĉu per artikoloj en la gazetoj, ĉu per helpo en sferoj de li alireblaj, — kiu afable donis la permeson ke oni traduku liajn verkojn en Esperanto, kaj kies «Humanitaristaj Principoj» baldaŭ aperos en nia lingvo, persone ĉeestis la rumanan jarkongreson en Braŝov, kie li alportis al ni sian varman saluton per jenaj vortoj:

Kiel literaturisto skribinta miajn verkojn en la lingvo rumana — la sola kiun mi, kiel multaj aliaj, ne pro ia selekto, sed dank'al nura hazardo, funde konas ka regas — mi salutas antaŭ ĉio la junan literaturon esperantistan, kiu ne konsistas nur el tradukaĵoj, sed kiu estas rekta esprimo de la homaj sentoj kaj ideoj.

La lingvo Esperanto faris sian ekzamenon pri matureco, kaj ĝin konfirmis ne nur la fakto ke ĝi povis traduki la verkojn de Shakespeare, de Goethe aŭ de Victor Hugo; ne nur la fakto ke ĝi povis pritrakti ankaŭ problemojn pri filozofio au scienco pura: la ekzamenon pri matureco sukcesigis tiuj poetoj, romanverkistoj aŭ dramaturgoj, kiuj skribis siajn verkojn rekte en Esperanto. Ilia pensaro kaj iliaj sentoj estis redonataj en formoj, kiujn ni akceptis ne kiel artefaritaj kreaĵoj, sed kiel klara esprimo de nova literaturo komencanta konkeri la merititan lokon inter la universaj literaturoj.

La esperantistaj literaturistoj havas la maloftan privilegion eviti la certe deformantan operacion de la tradukiĝo. Ili certigis al si — antaŭ siaj posteuloj — meriton de antaŭirintoj. Ili lasis, je komenco de la 20a jarcento, skribajn dokumentojn en lingvo vere universala per sia spirito kaj sia destino.

Kiuj ajn estos la bataloj por la suprematio inter la diversaj internaciaj lingvoj, ŝajnas al ni ke la venko de nun estas certigita al la Esperanto lingvo.

Ne nur ĉar Esperanto havas multnombrajn organizaĵojn, centojn da gazetoj kaj revuoj, bibliotekojn kun libraroj diversspecaj — ne nur ĉar Esperanton legas kaj parolas milionoj da homoj el ĉiuj mondpartoj: la pernombra sukceso fariĝus iluzia, se la lingvo Esperanto (konsiderata de iuj ironiuloj kiel lingvo sen gramatiko) estus fiksiĝinta de la komenco en formoj definitivaj. La merito de Zamenhof konsiderinde pligrandiĝis pro tio, ke li komprenis, ke lingvo ne povas ekzisti se ĝi ne estas viva organismo. Lingvo ne povas havi antaŭe difinitajn kadrojn: ĝi ŝtoniĝus, kiel ekzemple la latina lingvo, — ĝi estus seka, nepraktika.

Zamenhof ne monopolis la rajtojn pri absoluta patreco, sed li transdonis al la Esperantista Akademio (funkcianta en Parizo) la taskon konservi al la lingvo Esperanto la sukon de la vivo, ĝin riĉigante senĉese kaj donante al ĝi tiun flekseblecon, tiun naturan viglecon, kiun havas la kulturaj lingvoj. Tio estas garantio, ke ankaŭ Esperanto kaj ankaŭ ĝia literaturo havas brilan estontecon.

Tial ni, verkistoj uzantaj nacian lingvon, sentas nin solidaraj kun la Esperantaj verkistoj. Solidareco pli ol profesia. Ni restas konvinkitaj ke finfine alvenos la tempo, kiam la literaturistoj skribantaj rekte en Esperanto estos en la unua vico de la universala atento, — kaj ke la verkisto franca, angla, germana ,hinda au rumana, kiu estos tradukata en Esperanto vidos en tio plej altan honorigon kaj solenan prezentiĝon antaŭ aeropago solena.

EUGEN RELGIS.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Sabaton, la 3an de Sept. okazis la disdono de diplomoj al la laŭreatoj el la kursoj, kiujn gvidis S-ino Nuyts, Sroj Schoofs kaj Vermuyten,kaj al tiuj el la komerca kurso, gvidita de Sro De Ketelaere, en la «Antverpena Komitato por Komerca Lingvo Internacia». Akiris diplomon: Pro honoro: Sro Nic. Van Winge; kun plej granda distingo: F-ino Germaine Roost, Sroj Jos. Schiffer, Portabella, Pinck, Verschueren, I. Jacobuwicz; kun granda distingo: F-ino Jacobs, Sro Van Cleemput, F-ino E. Mattsson; kun sukceso S-ino Van Winge kaj Sro Van de Klei. — En la komerca kurso la rezultato estis jena: akiris diplomon pro honoro: Sro Aug. Faes; kun plej granda distingo: Sroj Brandenburger, Goovaerts; kun granda dis-

tingo: F-ino J. Kenis, F-ino M. Courtin, Sro Van de Wouwere; kun distingo: Sro Van Coppenolle; kun sukceso: Sro Fr. Courtin.

Post gratuloj al la laŭreatoj, Sro Schoofs, prezidanto de «Belga Ligo Esperantista» parolis pri la 19a Universala Kongreso de Esperanto. kaj Dro P. Kempeneers, vic-prezidanto de B. L. E. kaj prezidanto de la Brusela grupo klarigis pri la speciala postmilita situacio de la Libera Urbo Danzig. Tiuj paroladoj, agrabligitaj per belegaj lumbildoj projekciitaj per «Fotoskopo», estis varme aplaŭditaj. Oni ankaŭ aŭdis sur Esperantaj fonografdiskoj du kongresparolojn de Dro Edmond Privat.

Sro Maur. Jaumotte gratulis la laŭreatojn kaj instigis ilin al plua laborado per kaj por Esperanto. Li dankis la profesorojn kaj la paroladintojn.

Poste, la ĉeestantoj dancis.

Sabaton, la 10an, «La Verda Stelo» amike akceptis Sron Hazime Asada, profesoro de jurmedicino, el Nagasaki. Nia japana samideano rakontis pri la spertoj, kiujn li havis kun Esperanto dum sia mondvojaĝo kaj pri la Esp.-movado en Japanujo. Koncerto dum kiu oni aplaŭdis S-inon L. Faes, F-inojn Jacobs kaj J. Van Bockel, kaj Sron Van Winge ilustris ĉarme la vesperon, kiu finiĝis per intima dancado.

Sabaton, la -7an, la membroj intime kunsidis. Lundon, la 29an sonorilarkoncerto kunigis la Antverpenajn kaj Bruselajn samideanojn, kiujn kore akceptis la Mehlena grupo.

Mardon, la 20an, la grupo komencigis la kursosezonon. Pli ol sepdek personoj ĉeestis kaj enskribigis sin. Estis necese tuj dividi la partoprenantojn en du kursoj: unu gvidata de F-ino M. Jacobs, per flandra lingvo, alia gvidata de Sro J. Schiffer, per franca lingvo. — Tiun brilan rezultaton oni dankas al la metoda laboro de la propagandistoj de «La Verda Stelo», sed sendube multege helpis la bele aranĝita Ekspozicio en du butikfenestregoj de la magazeno Faes, en centra strato de la urbo.

HOBOKEN. — Sub la nomo «Hobokenaj Esperantistoj — Neŭtrala grupo Esperanta—,fondiĝis en tiu industria antaŭurbo de Antverpeno nova grupo. La sidejo estas: Wielrijdersstraat, 36. Prezidanto: S-ro Jan Van Tiggel, Sekretario S-ro Lodewijk Toen, Kasisto: Sro Maurice Van Tiggel. La nova societo enhavas jam dudeko da membroj. Al la novaj propagandistoj por nia lingvo ni deziras grandan kuraĝon kaj brilajn sukcesojn.

BRAINE L'ALLEUD. — Kun granda plezuro ni eksciis, ke dank 'al la klopodoj de nia bona Brusela propagandisto, Sro Bas, nova Esperanto-grupo ĵus fondiĝis en Braine l'Alleud, kie ekzistas jam aro da fervoraj pioniroj. La prezidanto estas Sro Goossens kaj la Sekretario-Kasisto Sro Delfosse. La kunvenoj okazas ĉiusabate en la urbdomo je 19 1/2. Nova kurso rekomenciĝis sabaton 24an de septembro. Tutkorajn gratulojn kaj bonan sukceson al niaj novaj amikoj.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Aŭgusto ni ricevis 31 artikolojn kaj notojn pri Esperanto de 16 gazetoj el 5 lokoj: 15 en flandra, 15 en franca lingvo kaj 1 en Esperanto.

Novan kaj insistan alvokon ni faras al ĉiuj belgaj samideanoj, por ke iii havigu al ni la eltranĉaĵojn, kiujn ili renkontas en sia gazeto.

---

# EL NIA RONDO

## GRATULOJ.

Edziĝis en Antverpeno, la 3an de Septembro, Sro MORRIS DE KETELAERE, profesoro de Esperanto, vicprezidanto de la direktanta komitato de «La Verda Stelo» kaj vicdelegito de UEA., kun F-ino MARIA WOUTERS.

Geedziĝis en Edegem, la 8an de Septembro, Sro HECTOR VERMUYTEN, profesoro de Esperanto kaj komitatano de la «Verda Stelo», kun F-ino BLANCHE LACROIX, membrino de sama grupo.

Tutkorajn gratulojn prezentas al la novaj paroj «Belga Liga Esperantista» kaj «Belga Esperantisto».

Sro Julio DERWEDUWEN, unuaranga policoficiro, Prezidanto de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, festis la 29an de Septembro sian 25 jaran profesian jubileon. Al la gratuloj kaj bondeziroj de liaj estroj, kolegoj kaj subuloj ni kore aldonas la niajn kun esprimo de plej varma simpatio al nia bona samideano kaj malnova kunbatalanto por nia movado.

Fianĉiĝis Sro GERARD DE BOES, prezidanto de la grupo «Al Triumfo», St-Nikolao, Delegito de U. E. A., kun Fino IRMA BUTTENAERE, Antverpeno.

---

# NEKROLOGO

Sro ADOLPHE ADLER, bopatro de Sro Marcel Roost, membro de «La Verda Stelo» mortis 64jara, en Antverpeno, la 31an de Aŭgusto.

Al la funebranta familio ni prezentas la esprimon de nia sincera kunsento.

---

# LA DANCISTINO

Sur la planko de l' scenejo,
je la takto de l' muzik',
duonnuda dancistino
montras sin al la publik'.

---

ĉirkaŭ ŝi flugetos dolĉe
delikata, tula vest'; —
la publikon ŝi salutas
per gracia, bela gest'.

---

Ŝi la krurojn suprensvingas
super sia kap' sen ĝen'; —
sur la piedfingroj lerte
staras ŝi sen iu pen'.

---

El okuloj nigrigitaj
ŝiaj brilas la malvirt'; —
siajn brakojn ŝi elstreĉas
kvazaŭ la flugilojn bird'.

---

Ŝia ruĝa buŝ' invitas
al brulanta amokis'; —
ŝi luliĝas kaj tremetas
kvazaŭ sur la stang' narcis'.

---

Ŝi sin movas kaj sin tordas,
same kiel la serpent'; —
ŝia luksa korpo estas
por la viroj loga tent'.

---

Ŝi flugetas tra l'aero,
flirtas kvazaŭ papili';
pro beataj siaj movoj
al fein' similas ŝi.

---

Akrevide ŝin rigardas
kun avido maljunul';
ŝian korpon li admiras
tra la travidebla tul'.

Ŝtele ŝi okulas loge
al maljuna la sinjor';
el la eluzita brusto
preskaŭ saltas lia kor'.

---

Kvazaŭ turbo ŝi turniĝas
kirliĝante en la rond'; —
kvazaŭ nimfo ŝi sin banas
en de sia vest' la ond'.

---

Tondra aplaŭdad' eksonas
tra l' salono je la fin';
du-trifoje la publiko
kun insist' revokas ŝin.

---

Kaj finfine tra l' kulisoj
ŝi forkuras kun rapid'; —
de gracila ŝia korpo
gutas la brilanta ŝvit'.

---

Ĉe loĝio ŝia staras
la maljuna viro jam,
kiu flate ekparolas
pri renaskiĝinta am'.

---

Li regalos vespermanĝon
al ŝi en restoraci'; —
kun aŭtomobilo sia
ĉe la pord' atendos li.

---

Ŝi akceptas ridetante,
lavas, alivestas sin; —
kun la maljunul' foriras
en la nokt' la dancistin'.

---

Ni ne plue sekvos ilin,
eble ni ririmus tro...
De teatra la salajro
Ŝi ne povas vivi, do...

JAN VAN SCHOOR.

---

Menciita en la 13aj Int. Floraj Ludoj.

# VILAĜA STACIDOMETO

**El la libro «Tendresses» de ...**
**Traduko kiel admiresprimo al la delikata aŭtoro,**
**kiu ĵus eldonis tiun belan literaturaĵon.**
**(El «Le Foyer Intellectuel»).**

---

La stacidometo igis sin ĉarma ĉi tiun matenon.

Ĝi tute florkovris sin. Ĝi sin envolvis en rozoj, klematoj kaj tropeoloj. Ĝiaj vitroj lumigataj de l'leviĝanta suno estas kvazaŭ petolaj okuloj de junulinoj, spionantaj inter la floroj.

Ĉu li venos?

Rapide, ankoraŭ iom da blanka sablo laŭlonge de la kajoj, tufo de geranioj en tiu vazo, girlando da tropeoloj super la pordo...

La vagonaro! — Baldaŭ ĝi alvenos — ĝi haltos — Pri tio ne dubas la stacidometo.

Dum kelkaj minutoj restos apud ĝi la vagonaro ankoraŭ tute senspira pro la rapida kurado tra la sunoplenaj kamparoj.

La fortan spiradon aŭdos la dometo, ne estos plu sola!

Sed ĝi maltrankviliĝas: «Ĉu mi estas sufiĉe parfumita? — Ĉu ne estas falsaj faldoj en miaj tropeoloj? Ĉu «ĝi» estos almenaŭ kortuŝata? Ĉu ĝi restos pli longe ol kutime? Ho, se ĝi povus ne obei al tiu malbona staciestro ĉiam tiel rapidanta!»

Sonorado! La stacidometo ektremas. Gruntado en la malproksimo! — Ĝi ekfaras sin ankoraŭ pli malgranda sub siaj floroj!

La granda horloĝo de l'atendejo, jen ĝia koro febre bantanta!

La vagonaro alproksimiĝas; jam oni vidas ĝian arĝentan fumamason ondiĝantan super la foliaroj. La tero tremas. Ho, mia Dio! — Oni forkurus! — Jen ĝi estas.

Ĝi antaŭeniĝas majeste, orumita de la reĝa suno!

La stacidometo estas kvazaŭ paralizita pro angoro... «Ĝi kuras tro rapide! Ĉu ĝi preterpasus nehaltante?...» Sed jam la vagonaro preterpasis kun tondra bruego.

Ĝi ne haltis! — Ĝia rulbruo malkreskas. Iom da fumo je l'horizonto ... poste de nove la silento!

Ĝi preterpasis nehaltinte!

La stacidometo estas kvazaŭ malvigligita!

Malestimis ĝi la stacidometon, la mizeran vilaĝan stacidometon ! Kaj jen ĉiuj floroj, per kiuj ĝi estis ornaminta sin, subite pleniĝas je roso ĝis superbordiĝo... sed mi scias, ke tio estas larmoj.

Kaj mi pensas al tiuj mizeraj animoj, kiuj, ili ankaŭ, sin plenornamas kaj florkovras, atendante la alvenon de sia revobjekto... kaj poste, la revo preterpasas ne haltante.

El franca lingvo tradukis L. COGEN.


LA VOIX
DE SON MAITRE

# ĈU UNU POR ĈIU?

Estas vintra vespero, kaj akra vento blovas ekstere. De temp 'al tempo ĝi sin ŝovas en la domon, skuas pordojn kaj fenestrojn, eksiblas en la kameno, kaj ree koleregas en la stratoj kaj ĝardenoj, kie ĝi senkompate klinas la arbojn kaj grincigas la ventoflagojn.

Mi sidas apud hela fajro, kaj dolĉa lampolumo lumigas la ĉambron, kies kvieta atmosfero kontrastas kun la sovaĝa vetero. Mia edzo, kiu jam skribis la tutan vesperon militmemorojn, ĵus forlasis la ĉambron, kiam mi hazarde legis jenan titolon sur lia kajero: «ĈU UNU POR ĈIU?» Scivolo min kaptas kaj mi legas:

« Ni ricevis la ordonon forlasi nian observadpostenon por transloĝiĝi al la «Kastelo de l'Aproj» aŭ «Kastelo de Everghem». Tio tre ĝojigis nin, ĉar ĝis nun ni nur loĝis en garbejoj aŭ duone detruitaj muelilej. Pluvetis la tutan tagon, sed, posttagmeze, la pluvo ĉesis fali. Malvarmeta aŭtuna vento ĝin baldaŭ anstataŭis. Kvarope ni forlasis nian observopostenon, kun pakaĵoj kaj sakoj. La suno, kiu forestis la tutan tagon, subite traboris la nubojn, sendante sur la malsekan kamparon palan radion, kiel adiaŭan rideton de mortonto. Iom poste ĝi malsupreniris kaj, je tiu momento, ni alvenis antaŭ la kastelo de Everghem. En la ĝardenego radsulkoj interkruciĝis sur la aleoj kaj herbobedoj.

Obustruoj oscedegis tie kaj tie ĉi, kaj vunditaj arboj, mortefrapitaj, antaŭenklinis la kapon, kies branĉaro ripozis sur la tero. Estis kote, kaj malfacile ni alvenis ĝis la kastelo. Estis domego datumiĝanta de la fino de la 17a jarcento, kun blanka kaj regula fasado. La peronŝtuparo estis parte detruita kaj ĝia ŝtona balustrado, disfaligita, amasiĝis antaŭ la perono. Ĉe la teretaĝo ĉiuj vitroj estis rompitaj. Je la unua kaj dua etaĝoj, truitaj fenestrokovriloj verŝajne ankaŭ kaŝis rompitajojn. Nenio estas pli malgaja ol la aspekto de tiuj vundoplenaj parko kaj domego. Tiu ĉi lasta, kun eltiritaj pordoj kaj rompitaj fenestroj, malfermitaj al ĉiuj ventoj. Sur la palega fasado la lasta novembra sunradio nun mortis, pligrandigante la malgajecon de nia estonta loĝejo. Kun sento de malkvieto ni supreniris la peronon kaj eniris en la halon,plenan je rompitaĵoj de gipsoruboj, ligno kaj vitroj. Sed tuj kun abomeno ni malantaŭen-saltis. Forta odoro de putriĝinta karno plenigis la domon kaj jam nin atingis sur la perono. Ni nin rigardis unu la alian, kun demandaj okuloj. Ĉu oni enirus, aŭ ne? Ĉar mi estis la plej altgrada el la kvar, mi montris la ekzemplon kaj unue eniris en la malbonodoran lokon. Dekstre kaj maldekstre pordoj tute malfermitaj vidigis salonojn kun disŝiritaj kurtenoj, krevitaj paneloj, truitaj plafonoj. Kaj pli kaj pli la sveniga malbonodoro premis nian gorĝon.

— «Ni verŝajne trovos tie ĉi kadavrojn de malamikoj» diris unu el ni.

— «Tio estas certa», respondis alia.

— «Ni serĉu ilin», mi aldonis, «kaj ni ilin eksteren portos por ilin dece enterigi.»

Jam duonmallumiĝis, kaj la vento muzikis en ĉiuj tonoj en la forlasita domo. Akran sibladon sekvis ĝemegoj, kiujn poste anstataŭis akutaj triloj. Subite, ie, sur la supra etaĝo, pordo brue klakis. Ĉiuj kvar ni eksaltis! La vento certe estis la kulpulo, sed tamen ni paliĝis.

— «Ĉu iu estus tie ĉi?» flustris la plej juna el ni.

— «Neeble», respondis mi. Kaj kun batantaj koroj ni supreniris por viziti ĉiujn ĉambrojn, ĉie sekvitaj de la kadavrodoro. La unua ĉambro, estinta, dormoĉambro, nur enhavis dispecigitan spegulegon sur la kamenplato. En la dua nin akceptis roza ibiso pentrita sur ventŝirmilo. Ĝia kolo en formo de demando-signo, ho! ironio, tute ne klarigis nian situacion. Aliaj ĉambroj enhavis restajojn de soldataj kuŝejoj, Tie ankaŭ kadavron ni ne trovis. Pli kaj pli malheliĝis kaj kelkaj anguloj jam tute nigre aspektis. Ree klakado de porto aŭdigis sin en la sibloharmonio.

Jen fine troviĝis antaŭ ni la lasta ĉambro .Tie certe devis esti la klarigo de la mistero. Kurante ni eniris en ĝin... Kvar ĉerkoj tie kuŝis. Kvar fermitaj ĉerkoj... Febre ĉiu el ni subpezis unu el ili kaj prudente ĝin malfermis. Ho! miro, ili estis malplenaj. Vere la fakto, ke neniu troviĝas en ili ankoraŭ pli impresis nin ol se ili estus plenaj.

— «Ĉu unu por ĉiu?» murmuris kun angoro nia juna telefonisto.

— «Ne», mi diris. «Venu, ni ilin ĵetos eksteren, kiel eble plej malproksimen».

Kaj ĉiu el ni, portante sur la ŝultro unu ĉerkon,malsuprenkuregis de la ŝtuparo, saltis de la perono, trakuris la melheliĝintan ĝardenon, ĉiam akompanata de la ventosiblado, kaj, trans la branĉobarilon, ĵetis sian funebran pakaĵon.

Kun batanta koro ni revenis al la kastelo, sed tie, ree, la malbonodorego, kiun ni momenton forgesis, nin salutis, Tiun ĉi fojon ni nin direktis al la kuirejo, kie la enigmo klariĝis. Barelo plena je ostoj kaj putriĝinta karno tie staris. Estis restaĵoj de buĉita ĉevalo, kiujn la forkurinta malamiko postlasis. Kvarope ni transportis la malbonodorantan ujon en la ĝardenon, kie ni enterigis la putraĵon. Farinte tion ni reeniris en nian kastelon, kie ni pasigis nian unuan nokton, kiun certe ne vizitis dolĉaj sonĝoj.»

LUCETTE FAES - JANSSENS.

---

# BLANKA PEJZAĜO

Tie, tre alte, en la ĉielo kverelas kaj ludetas anĝeletoj blankflugilaj, kaj vera ekflugo lanuga tremetas en l'aero malseka.

Kaj tiu pluvo hela, per karesoj dolĉaj, iom post iom ekkaptas ĉion, kio haltigas la dancon gracian de la silkaj plumetoj; tiuj ĉi, fine, tre malrapide, lasas sin fali, kvazaŭ malvolonte, sur la teron malvarman...

Al ĉielo decembra, tute griza, kun minaca aspekto, estas streĉitaj la branĉoj senfoliigitaj de l'kverkoj centjaraj; meditemaj, melankoliaj tiuj ĉi ŝajnas meze de l'arbaro letargia. Ĉu eble, tiuj maljunaj reĝoj arbaregaj revus pri sia gloro estinta? Sed vidu: estas kvazaŭ la neĝo kompatus tiujn centjarulojn, nun tute nekovritajn kaj frostotremantajn pro la vento; ĝi ornamas ilian kapon per bela bukla peruko, ĝi pendigas al la nudaj branĉoj jabotojn puntajn, kaj iom post iom, la maljunuloj hontemaj pri si mem fariĝas imponantaj sinjoroj, veraj markizoj pudritaj, pretaj por la balo. Ĉiamflegmaj pinoj ŝajnas fieraj pri sia barbo artefarita kaj arbetoj estas tute envolvitaj, kiel infanoj, en vestaĵo vata.

Post kelkaj horoj senĉese faladas la neĝo senmakula, sed malpli rapide, malpli kaprice; la plumetoj elegantaj sekvas unu la alian nun regule, laŭ la sama direkto: lacigitaj, baldaŭ ekdormos la anĝeletoj.

Kaj sub tiu falado persista de lanugo, Naturo sin vestas tute per mantelo ermena: la ruĝaj tegmentoj de la kampodomoj, la vojoj, la herbo, ĉio jam estas kovrita.

Ĉu tiu vido ne ektremigas la homan koron dum la pejzaĝo aperas, anĝele bela, lumigita per brilega heleco? Neniu malebenaĵeto estas videbla sur la kampoj, kiuj similas senmezuraj tapiŝoj el blanka veluro. En la dezerta arbaro, silento grava regas sur la kreskaĵoj dormantaj; de tempo al tempo, subita ektremo: la neĝgirlandoj kiuj pendas inter la branĉoj senfoliigitaj balanciĝas super la vojeto mallarĝa; kviete falas la lastaj neĝeroj sur la teron frostan.

Ĉesas neĝi! la anĝeletoj dormetas. Tamen, vidu tie tre malproksime: en la spacego senlima de l'malhela ĉielo, tiel malgrandan trueton trapikis unu el ili, ke la anĝeleto apenaŭ kapablos admiri per ĝi la Teron en ĝia virga vestaĵo. Tiam griza nubo majeste alvenas kaj kaŝas al la naïva okuleto la spektaklon mire belan de neĝa pejzaĝo.

Kaj iom post iom, dum sur tero jam ĉio estas kvieta, ankaŭ ekdormos la anĝeleto.

Originale verkis,

Paula DELTOMBE.

---

# LA KONFUZERARO

Tre riĉa fermdulo, nomia Suderland, estis kortega bankiero kaj regnanigita en Rusujo; li ĝuis ĉe la imperiestrino (1) sufiĉe grandan favoron. Iun matenon, oni avertis lin, ke lia domo estas ĉirkaŭita de gardistoj kaj, ke la policestro petas por paroli kun li.

Ĉi tiu oficiro, nomita Reliew, eniras kun konsternesprima mieno.

— «Sinjoro Suderland, li diras, mi estas, kun vera ĉagreno, devigata de mia distinginda Soverenino,plenumi ordonon,kies severeco min timi-

(1) Katarino la IIa, regninta de 1763 ĝis 1796.

gas, afliktas, kaj mi ne scias pro kia kulpo aŭ pro kia delikto vi ekscitis en tia grado la koleregon de ŝia imperiestrina Moŝto.

— Mi, Sinjoro, respondis la bankiero, mi tion nescias tiom kiom vi; mia miro superas la vian. Sed kia estas do tiu ordono?

— Sinjoro, rediras la oficiro, vere la kuraĝo mankas al mi por konigi ĝin.

— Nu, ĉu mi estus perdinta la konfidon de l'imperiestrino?

— Se estus nur tio, vi ne vidus min tiel malkonsola. La konfido povas reveni; ofico estas reakirebla.

— Ĉu la afero estas resendi min en mian patrujon?

— Tio estus malagrablaĵo; sed, kun viaj riĉaĵoj oni estas bone ĉie!

— Ha, Dio mia, ekkrias Suderland, tremante, ĉu mi estas ekzilota en Siberujon,

— Ve! Oni revenas de tie!

— Ĉu metota en malliberejon?

— Se estus nur tio, oni eliras el ĝi!

— Dia boneco! Ĉu oni volus knutbatigi min?

— Tiu turmento estas terura, sed ĝi ne mortigas!

— Kio do? diras la bankiero ekplorante, ĉu mia vivo estas en danĝero? Ĉu la imperiestrino tiel bone, tiel pardonema, kiu parolis al mi tiel dolĉe, nur antaŭ du tagoj, volus... Sed mi ne povas tion kredi! Ha, mi petegas, finu! La morto estus malpli kruela ol tiu netolerebla atendo!

— Nu, mia kara, fine diras la policoficiro kun mizera voĉo, mia distinginda soverenino ordonis al mi igi vin pajloŝtopi...

— Pajloŝtopi! ekkrias Suderland, fikse rigardante sian interparolanton; sed vi perdis vian prudenton, aŭ la imperiestrino ne konservis la sian! Vi ja ne estus akceptinta tian ordonon ne iginte senti ĝian barbarecon kaj ĝian malsaĝegecon!

— Ve! mizera amiko mia, mi faris tion, kion mi neniam kuraĝas eĉ provi; mi montris mian miron, mian doloron; mi estis riskonta humilajn rimarkojn; sed mia respekteginda Soverino kolertone,riproĉante al mi mian ŝanceliĝon, ordonis al mi eliri kaj plenumi tuj la ordonon, kiun ŝi estis doninta; aldonante tiujn parolojn, kiuj sonadas ankoraŭ en mia orelo: «Iru, kaj ne forgesu, ke via devo estas plenumi senmurmure la komisiojn je kiuj plaĉas al mi vin ŝarĝi!»

Estus neeble priskribi la miregon, la koleron, la tremadon, la malesperon de l'mizera bankiero! Lasinte kelkan tempon al la libera eksplodo de lia doloro,la policestro diris, ke li donas al li kvaronon da horo por ordigi siajn aferojn. Tiam Suderland petas lin, petegas, insistegas longtempe vane por ke li lasu lin skribi bileton al la imperiestrino por petegi ŝian kompaton. La oficiro, venkita per tiaj petegoj, cedas, tre-

mante, al ili, prenas la bileton, eliras, kaj, ne kuraĝante iri al la palaco, direktiĝas rapidege ĉe grafo de Bruce (2). Ĉi tiu opinias, ke la policestro freneziĝis; li diras al li, ke li sekvu kaj atendu lin en la palaco, kaj li kuras, sen tempoperdo, ĉe la imperiestrinon. Enkondukita, li klarigas al ŝi la aferon.

Katarino, aŭdinte tiun strangan rakonton, ekkrias:

— «Justa ĉielo! Kia terurajô! Vere, Reliew perdis la saĝon! Grafo, kuru kaj ordonu al tiu frenezulo, ke li tuj iru senigi mian mizeran bankieron, je lia frenezìganta timego, kaj liberigu lin!»

La grafo eliras, plenumas la ordonon, reiras kaj trovas, kun miro, Katarinon ridegantan.

«Nun mi vidas, ŝi diris, la kaŭzon de sceno tiel burleska kiel nekredebla: de kelkaj jaroj mi posedis belan hundon, kiun mi multe amis kaj mi donis al ĝi la nomon Suderland, ĉar tiel sin nomis anglo, kiu ĝin estis donacinta al mi. Tiu hundo ĵus mortis; mi ordonis al Reliew, ke li igu ĝin pajloŝtopi, kaj ĉar li ŝancelis, mi ekkoleris kontraŭ li, supozante ke pro malsaĝa vanteco li opiniis,ke tia komisio nedeca estis por lia digneco. Jen la klarigo de tiu ridinda enigmo».

GRAFO L. PH. DE SEGUR.

Tradukis L. COGEN.

---

# MONTRO DE HONESTECO

Kapitano de rajdistaro, ordonita por iri al furaĝado, iris ĉe la kapo de sia soldataro en la kvartalon al si difinitan. Tio estis valeto dezerta, kie estis nur arbaroj. Li ekvidas tie malriĉan dometon, li frapas, kaj eliras maljuna ermito kun blanka barbo. «Patro mia, diras al li la oficiro, montru al mi kampon, kie mi povas furaĝigi miajn rajdistojn». «Tuj», respondis la ermito. Tiu bonulo sin metas ĉe ilia kapo kaj resupreniras kun ili la valeton. Post dekkvin-minuta irado, ili trovas belan kampon de hordeo. «Jen tio, kion ni bezonas», diras la kapitano. «Atendu unu momenton, respondas la kondukanto; vi estos kontentaj«. Ili daŭrigas marŝi kaj alvenas al alia hordeokampo. La soldataro metas tuj piedon surteren, falĉas la grenon, ĝin metas postselen kaj resurĉevaliĝas. La rajdistaroficiro diras tiam al sia gvidanto : «Patro mia, vi irigis nin tro malproksimen sen neceseco; la unua valoris pli ol ĉi tiu!» — «Tio estas vera, Sinjoro, respondis la bona maljunulo, sed ĝi ne apartenis al mi».

El la franca lingvo de AIME MARTIN, tradukis

G. R. (el Ninove).

---

(2) Grafo de Bruce estis guberniestro de Sankta Peterburgo .

## SKRIBI!

Skribi! povi skribi! tio signifas la longan revadon antaŭ la blanka folio, la senkonscian skribaĉadon, la ludojn de la plumo, kiu kuretas ĉirkaŭ inkmakulo, kiu mordetadas la neperfektan vorton, ĝin skrapas, ĝin hirtigas per sagetoj, ĝin ornamas per papilioj, per piedaĉoj, ĝis kiam ĝi perdas sian legeblan aspekton de vorto, ŝanĝita en himera insekto, forfluginta en mir-papilio...

Skribi!... Estas la rigardo alkroĉita, hipnotigita per la rebrilo de la fenestro en l'arĝenta inkujo, — la dia febro, kiu leviĝas al la vangoj, al la frunto dum feliĉega morto glaciigas, sur la papero, la manon, kiu skribas... Tio signifas ankaŭ la forgeson de la horo, la mallaboremon en la mola divano, la diboĉon de l'inventado, el kiu oni eliĝas lacegigita, malspritigita, sed jam rekompencita, kaj portanto de trezoroj, kiujn oni malrapide alverŝas sur la virgan paperon, en la malgranda lumcirklo, kiu sin ŝirmas sub la lampo.

Skribi!... furiozege verŝi sian tutan sincerecon sur la tentantan paperon, tiel rapide ,tiel rapide, ke iafoje la mano luktas kaj malvolontas, trolacigita de la senpacienca dio, kiu ĝin gvidas. Kaj retrovi, la sekvantan tagon, anstataŭ la ora palmo mirinde naskiĝinta dum flambrila horo, sekan dornobranĉon, floron abortitan...

(Fragmento el «La Vagabonde» de Colette Willy.)

Tradukis J. VAN BOCKEL.

---

## LA REĜO KAJ LIA SERVISTO

Reĝo sidis ĉe sia tablo kaj atendis la alporton de manĝajoj. Sed unu el la servistoj, kiu estis tre timema, faletis, kaj kelkaj gutoj de la buljono spruĉis sur la veston de la reĝo. La reĝo koleris kaj ordonis senkapigi la mallertulon. La malfeliĉulo pensis: «Mi estas filo de la morto, mia savo estas neebla!» kaj li prenis la buljonujon kaj elverŝis ĝian enhavon sur la reĝon. Tiu ĉi miregis kaj ekkriis: «Ho, junulo, ĉu vi estas posedata de frenezo? Kion vi faris?» La servisto diris: «Mia reĝo, mi ne freneziĝis, miaj pensoj estas en ordo. Mi kuraĝis fari tion ĉi por danki vin pro via boneco al mi. Nun la homoj ne diros pri vi: la reĝo ekzekutigis malfeliĉulon pro iu bagatelo; ili laŭdos vin kaj diros: la reĝo estas tute prava kaj ne riproĉinda, ĉar la servisto montris teruregan kaj nepardonindan arogantecon». La reĝo profundiĝis en pensoj kaj diris: «Ho, junulo, malbone aganta kaj bone vin senkulpiganta, mi pardonas vian abomenan faron pro via lertega klarigo». Kaj la reĝo faris al li bonegan donacon.

Tradukis: G. VANDERVEKEN.

GAJIGA LITERATURO.

# LA ŜERCEMA ĈEVALO

Ian tagon, kiam ni estis studentoj, mia kuzo, kun studenta ĉapeto flankdirekte sur la kapo kaj ruĝesprimo sur vizaĝo, rakontis al mi, dum promenado tra la interesaj Gentaj stratoj, la jenan rakonton kies aŭtornomon mi ne memoras sed pri kies patreco mi multe emas kulpigi la francan ŝerciston Alphonse Allais. Mi penos ĝin rerakonti laŭmemore.

Granda festeno okazos. En la manĝoĉambro staras preparita brilega tablo: sur ĝi, rondborde, estas teleroj kun bele enbakitaj bluaj ornamaĵoj kaj desegnaĵoj; flanke de ĉiu telero, manĝilaro arĝenta ripozas sur kristalaj portiletoj. Malantaŭ ĉiu telero, regimento da glasoj : bierkalikoj, Bordeaux- -kaliketoj, Rhejn - glasetoj, ĉampanflutoj; ĉi-tie kaj tie, vinbotelo aŭ karafo plena je biero aŭ akvo staras fiere sur ligna hindesegna pledo kaj meze de l'tablo, estas pendanta ĝardeno multflora» en kristala bedo. Ĉirkaŭ la tablo, vico da seĝoj streĉas siajn krurojn kaj rondigas sian dorson por baldaŭ porti la gastojn. Ĉi-tiuj jam alvenis kaj estas akceptataj de la geamfitrionoj en granda ĉambro sur la unua etaĝo. Ĉiuj jam ĉeestas kaj oni atendas nur la «sinjorino estas servita» por malsupreniri kaj admiri la belan tablon kaj manĝi la bonaĵojn alportotajn de la dimanĉe vestitaj kaj belvizaĝaj servistinoj kun blanka eleganta kufeto sur la kapo kaj blanka antaŭtuko.

En la sama domo, kie, laŭ ĵus priskribta lukso loĝis meŝriĉa familio (aŭ pli ĝuste en la stalo) estis ĉevalo. Dum tiu festa tago la ĉevalzorganto estis «malzorginta» fermi la pordon de la ĉevalejo kaj alligi sian «zorgaton», kaj ĉi-tiu lasta, sola, profitis la okazon por eliri el sia sterkodoranta loĝejo kaj fari rondpromenadeton en la ĝardeno. Jen ĝi alvenas al la Doma perono. Ĝi supreniras, venas en la koridoron, rigardas tra la pordotruo de l'manĝoĉambro kies pordon ĝi malfermis per kapopuŝo kaj... vidas la bele aranĝitan tablon. Ĉu la odoro de la manĝaĵoj kiu jam flirtas bonodore tra la domo, ĉu la vido al la brilaj objektoj sur la tablo tuj trogajigas la interesan beston? Nul ne le dira! Sed subite nia bona ĉevalo eksaltas, piedfrapas, renversas, frakasas telerojn, glasojn, kristalaĵojn, seĝojn kaj la tablon mem dum ĝi laŭtvoĉe ekblekas! La bruego de ĉiuj tiuj rompataj objektoj alkurigas senordege la domanojn kaj la gastojn, kiuj kun vera teruro, bedaŭro kaj indigno vidas la ĉevalon starantan meze inter la manĝoĉambraj rompitaĵoj : la besto ruza rigardas la ĉeestantojn kaj... ŝerce diras: «Mi tion ne faris!!!»

L. COGEN.

---

# EL LA MEMORAĴOJ DE GRIZULO

(FANTAZIO.)

Esperanto alvenis al mi kiel la roso sur rozon, tiel nature, sen spirit-akrobataĵo. Briletanta roso-diamanto Esperanto iĝis unufoje falinta en mian krani-kalikon. Tiu krani-diamanto nu, estis polurita de la lingvogemistoj de l'klubo «La Gajaj Verduloj» al kiu mi aliĝis kelktempe post akiro de diplomo pri simpla kapableco (La ekzameno pri la profesora estis tro simpla por mi!) La diplomon mi akiris post sekvo de dek-leciona kurso (tiu d e k tute venkis min!) Mia profesoro estis eminenta homo, sed bedaŭrinde li estis tro idealista: li ĉiam ŝvebis, neniam marŝis.

Li neniam parolis esperante sed mi devas konfesi ke li kapablis paroli tiun facil-lerneblan-lingvon, ĉar mi aŭdis lin ofte diri: «La tajloro, kiu estas homo, rajdas sur leono, kiu estas besto, kun rozo, kiu estas floro, en la mano, kiu estas membro, sub la suno, kiu estas astro; la suno brilas kaj la tabulo estas nigra.»

Post forlaso de mia esperantisma profesoro mi ne konis Esperanton sed mi kapablis paroli parkere pri la interna ideo kaj povis deklami ĉiujn paroladojn de la Majstro, nacilingve. Nian Majstron mi konsideris kiel modernan Prometeus, kiu ne forŝtelis la fajron sed la ĉielan lingvon kaj donacis ĝin al la homaro. Prometeo estas sinonimo de filantropo. Pro respekto por la tradicio kaj pro purtenado de la Prometea figuro mia unua ago estis meti la sekvantan anoncon en esperanta gazeto: «Fraŭlo (t. ĉ. mia nomo) 15-jara kolektas alumetskatoletojn, interŝanĝas diverskolorajn alumetojn kun la tuta homaro.»

Poste mi, dum kelkaj jaroj, ŝajnis esti forgesinta nian lingvon, sed mi rememoras ankoraŭ, ke la unua cigaro, kiun mi fumis kun amiko (ni trovis duonan cigaron apud urinejo) portis la markon «Esperanto». Ĝi malsaniĝis min terure. Tamen tiu grava fakto pensigis min denove al la helplingvo (helpe de ĝi mi travivis tiun unuan provon) ĉiufoje kiam mi poste fumis.

Iam dum promeno melakoliaj,longtonoj sonoj frapis la eksterajn organojn de mia aŭdsento. Mia unua penso estis «fremdaj pedikoj, fanatikuloj el malhela sekto!» Sed grupo da geviroj portantaj verdajn steletojn, eliras la domon. Tuj mi komprenis. Precipe kiam mi aŭdis konatajn vortojn «Bonan vesperon, Fraŭlino! Bonan vesperon, Sinjoro, kaj nacilingve: pli malaŭte «Morgaŭ vespere je la oka apud la parko». Mi tuj konvinkiĝis: Estis gaja societo!

Okazis tiam ke mi aliĝis al la klubo «La Gajaj Verduloj».Nun ĉiusemajne mi banis en Esperanto. Dum la komenco mi nenion komprenis, sed rapide mi sciis kion signifas: «malfermi kaj fermi la kunsidon», legi kaj aprobi la raporton»; skuado de la monskatolo signifis: «serĉi la plej malgrandan moneron en mia veŝtpoŝeto». Se oni diskutis iun temon, ekzemple: «ĉu kaloj sur piedfingroj malhelpas la antaŭiron por

Esperanto?» «Cu kalsonoj protektas kontraŭ anti-esperantista vento nuntempa?» (Precipe propagandaj temoj.) Mi ĉiam estis partiano de la plimulto. (Kaj neniam parolis, ĉar... po unu nacilingva vorto oni pagis du centimojn, kiuj valoris al mi ok cigaredojn). Sed la tagordoj de niaj kunvenoj! Ho tiu tagordo! Ĝi estis ĉiam fantomo timata. Oni povas diri kun Grabowski:

«Tagordo, tagordo radikas en ond',
Noktombro ĝi restas, aŭ kapo post tond'.»

Por plengi ĝin oni rakontis spritaĵojn, kiuj ĵus reveturis de sia tria ĉirkaŭmonda vojaĝo, aŭ:

«Kantu, Diino, koleron de la Pleido Aĥilo»

oni mallaŭdis la Esperantistajn apostatojn.

Mi pli multe ankoraŭ estus lerninta Esperanton, ĉar la oficiala parto de tiuj vesperoj, kiel vi aŭdis, estis tre serioza, sed mi baldaŭ pli interesiĝis pri la «neoficiala». Iun vesperon... Mi memoras ankoraŭ mian penon sekvi atente la disertacion pri la K. L. A. Ĉ. A. (Komuna Laika Agrabla Ĉiellingva Asocio) kaj ĝia kunigo al la A. G. A. T. A. (Akva Gastronoma Asketa Tamtama Asocio) sed miaj okuloj kaj pensoj ĉiam forflugis al nigrharara fraŭlino, tiel beleta, jes kiel nia lingvo mem. Kaj ne longe daŭris ke mi deklamis en mia subtegmenta ĉambro la versojn de Kofman (La Sklavoŝipo), laŭ retora, kortuŝa maniero:

«Tricent barelegoj da pipro, da gum',
Kaj poste la sablo de oro;
Ĝi estas tre bona, sed tamen al mi
Pli plaĉas la nigra trezoro.»

Nun mi perceptis ke Esperanto ne estis ĉio en la mondo kaj la vivo (kaj dum la komenco tio ĉagrenis min). Ja, dum unu momento mi intencis forkuri nian movadon por tiu nova interkomprenilo. Mi grave eraris ĉar baldaŭ mia senvorta lingvo iĝis laŭteg-blek-vort-lingvon kaj kun forta pafo ĝi deskrevis kiel sapveziko kaj adiaŭ la belajn farbojn! La kaŭzo? Ŝi estis tro klera virino (tio ne estas dezirinda por la bona harmonio en la societo) kaj precipe ŝi estis tro ege praktika naturo laŭ mi, kiu havis la feliĉon suĉi la esperantan nutraĵon el la brusto de vera idealisto. Ŝi insiste volis ke mi vendu mian Esperanton kiel eble plej multekoste en kiom eble plej multe da lecionoj. Kaj iam ŝi eksplodigis ĉiujn pontojn parodiante miajn vortojn: Kiam mi diris iom stulte, mi konfesas, dum disputo: «do, re-e, mi fa-cile sol-e...» Ŝi interrompis fajrokule: «Stultulo ĉesu vian do-re-mi-fa sol-regadon! Pro indigno mi staradis rigide kiel kolono, sed ne kiel malhonora, kiel vi certe konvinkiĝas.

En tiuj tagoj pro konsoliĝo mi komencis fervoran korespondadon. Antaŭe mi estis jam korespondinta poŝtkarte, poŝtmarkon bildflanke. Sed estis ĉiam la sama formulo: «Kara Samideano, karaj samideanoj salutoj de via kara samideano... (t. ĉ. mia nomo) kiu ĉiam respondas.» Sed nun mia vortaro estis jam pli vasta, alivorte mi aĉetis vortaron

kaj mi metis anoncon en la gazeto: «La malkara Anoncaro Esperantista»: «Fraŭlino Pelagio, 19-jara, korespondas poŝtkarte kaj letere nur kun seriozaj kaj kleraj samideanoj; ne respondas al aliaj.» Mi ricevis 350 respondojn. 250 poŝtkartojn kun la samideana formulo; 75 leterojn pri la bela vetero; 25 edziniĝ-demandojn kaj unu Laplandano skribis, ke li estis jam forvojaĝinta al mi. Mi respondis evidente al neniu kaj pasis mian libertempon per la ordigo de mia kolekto. Tiutempe la korespondantoj esperantistaj ne estis ankoraŭ tiel skrupulemaj kiel nun! La postaj jaroj mi mem skribis al aliaj sed miavice nur ricevis respondon de unu, kiu skribis, respondante al mia: «Estimata Sinjoro», per «Tre amata Amiko, mi venos viziti vin kaj mi esperas loĝi ĉe vi. Bonvolu fari la neceson por agrabligi mian restadon. Via mondfrato.»

Miaj internaciaj sentoj falis subite sub nulon, la ciferon de la realeco. Mi estis membro kiel vi scias de la «Gajaj Verduloj» sed ĝiaj anoj estis ankaŭ membroj de la K. L. A. Ĉ. A. kaj de la A. G. A. T. A. kaj mi estis ankoraŭ membro de la B. R. U. K. T. U. (Brave Romantika Ungega Korporacio Terure Universala). Mi estis abonanto de la «Verda Papereto», «Tibarto la Vir-kato» de l'organo de la Ŝparsocieto «Pometo por la Soifo» kaj aliaj. Mia buĝeto terure malekvilibriĝis. Feliĉe mi estis veninta al la jaroj de l'inteligenteco!

Estas kun profunda melankolio ke mi skribas tiujn rememoraĵojn, mi grizulo. Multe mi spertis dum mia vivo, sed ĉiam mi firme tenis mian esperantan idealon. Mi estas konvinkita, se ĉiu estus Esperantisto laŭ la «vera» senco de la majstra poemo «Preĝo», ekzistus en la mondo nur multflankaj «superhomoj»! Oni nur renkontus «Idealistojn» (Ĝis la bela sonĝo de l'ohamro ktp.) kaj «Pacifistojn» (redonu la pacon al la infanaro ktp.) «Laboristojn» (Ni ĵuris labori) Militistojn (Ni ĵuris batali) «Anarhistojn» (Ni la murojn detruos kaj ili ekkrakos ktp.); «Kamparanojn» (Ni semas kaj semas); «Filozofojn» (Pri l'tempoj estontaj pensantaj); «Muzikistojn» (Promesas sanktan harmonion); «Bonajn patrojn kaj edzojn» (Unu rondon familian) kaj ankaŭ «Flagportistojn» (La verdan standardon tre alte ni tenos). Instigataj estus ni precipe al amo, vero, obstino, kaj pacienco, neflankiĝeco, diligenteco, sincereco sankteco, provado, hardo kaj kuraĝo, nelaciĝeco, neŭtraleco, espero, fervoro, belo kaj gloro. Sed ne la vana gloro por ni mem, ĉar sufiĉus ke «la nepoj nin benos»!

Mi faras la lastajn paŝojn al la morto... Ho kia bela perspektivo! Mi vidas en spirito la estontajn generaciojn esperantistajn plensanaĵn, nemorteblajn vivante en senlima, ĉiamdaŭra Esperantujo, ĉar:

«Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj repurigitaj
Ni FORTON PLI FREŜAN akiras.
NE MORTOS NIA BRAVEGA ANARO...»

Laŭ la originalo transskribis: TYNEVERUM.

TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

EN STENOGRAF-SFERO. — Ni raportis detale, en nia Aŭgusta numero pri la Esperanto-agado dum la Internacia Kongreso de Stenografo, kiu okazis en Bruselo de la 4a ĝis la 8a de aŭgusto 1927. Esperanto estis ne nur akceptita sed ankaŭ uzita. Jen la deziresprimo kiun, post interparolado EN ESPERANTO kaj resumita traduko en franca lingvo, la kongreso akceptis unuanime: «Por helpi la normalan disvastiĝon de Esperanto, estas dezirinde, ke ĉiuj esperantistaj organizoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanta stenografo, kaj klopodu por starigi en sia medio kernon de Esperanto-stenografistoj».

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

La 12a ITALA KONGRESO okazis de la 3a ĝis la 8a de Septembro 1927, en Napoli.

Dum la kongreso okazis kunsidoj de U. E. A., de la Itala Esperanta Federacio, de la Federacio de Esperantaj Fervojistoj, k. t. p.

Estis ankaŭ organizitaj interesaj ekskursoj al Pompei kaj Capri.

---

# GRAVA AVERTO AL LA DANZIGAJ KONGRESANOJ

«Belga Esperanto - Instituto» ĵus eldonis, kun la kunlaborado de la Societo «FOTOSKOPO» belan filmon da 40 vidaĵoj de Danzig kaj de ĝia haveno. Alian filmon ĝi eldonis, kiu rilatas al la Kongreso mem, kaj montras 14 fotografaĵojn kaj dokumentojn.

Tiuj kolektoj, eldonitaj sur kinematografa filmo, estas uzeblaj ne nur per la Fotoskopo, sed ankaŭ per la aparatoj bazitaj sur la sama principo, kaj konstruitaj de firmo Leitz, kaj aliaj. Ili kostas: la unua 2.50 svisajn frankoj, la dua 1.— svisan frankon; sendeblaj per respondkuponoj de U. E. A.

Ni ne dubas ke multaj partoprenintoj volos akiri tiun memoraĵon, kaj uzi ĝin por fari belajn paroladojn kun lumbildoj tre malmultekostaj.

---

# BIBLIOGRAFIO

BIBLIOTEKO TUTMONDA. Eldonas Rudolf Mosse, Berlin.

No 1. PROSPER MERIME: **«Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj»**. 64 paĝoj. 17 × 10 cm. El la franca lingvo tradukis J. Borel. — Prezo: Bfr. 3.50.

No 2. — FREDERIK VAN EEDEN: **«La malgranda Johano»**. 184 paĝoj 17 × 10 cm. El la holanda lingvo tradukis H. J. BULTHUIS L. K. — Prezo: Bfr. 10.50.

No 5-6. CHARLES BAUDOUIN: **«La arto de memdisciplino. Psikagogio»**. 96 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 7.00.

No 7-8. FREDERIKO KARINTHY: **«Norda Vento»**. Novelkolekto tradukita el la hungara lingvo de Karlo Bodo. 96 paĝoj 17 × 10 cm. — Prezo: Bfr. 7.00.

No 9. — V. KOROLENKO: **«La sonĝo de Makaro»**. — Kristnaska rakonto tradukita el la rusa lingvo de M. Ŝidlovskaja. 48 paĝoj 17 × 10 cm. Prezo: Bfr. 3.50.

No 10. I. AL. BRATESCU VOINESTI: **«Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj»**. El la rumana lingvo tradukis T. Morariu. 64 paĝoj 17 × 10 cm. — Prezo: Bfr. 3.50.

Ĉi supraj ses libroj formas la unuan serion de la «Biblioteko Tutmonda» eldonita de la grava firmo Rudolf Mosse, el Berlino. Oni konstatas, ke ĝia enhavo estas sufiĉe varia tiom laŭ literatura vidpunkto kiom laŭ tiu de la lingvoj reprezentataj. La verketoj elektitaj meritas la atenton de la esperantistaro kaj la nomoj de la diversaj tradukintoj estas plena garantio pri la taŭgeco de la Esperanta lingvaĵo. — La libro de Charles Baudouin (No 5-6) estas aparte citinda, tial ke ĝi estas plia apliko de nia lingvo en scienca kampo tute abstrakta.

ENCIKLOPEDIA VORTARO ESPERANTA - GERMANA. — Tria Parto. — Verkita de Eugen Wüster. Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn. Esperanto - Fako, Leipzig. 260 paĝoj 25.5 × 17.5 cm. — Prezo: Rmk. 15.—.

Ĉi tiu tria parto de la meritplena laboro de Eugen Wüster iras de la vorto «folio» ĝis «iri». La libro enhavas daŭrigon de la «Esperantologiaj principoj»: la lingvekonomia vortara principo, principoj de transskribo, pri la nomoj de bestoj kaj plantoj. En la manoj de vortaristoj, kaj de tiuj,kiuj poste sin okupos pri la esploro de la internaj lingvist-

ikaj ecoj de Esperanto, tiu verko certe estos bonega helpilo. La pacienca laborado de la aŭtoro meritas ĉies laŭdon kaj admiron.

LA SANKTA BIBLO. — Malnova kaj Nova Testamentoj. Tradukitaj el la originalaj lingvoj. Eldonis: Londono. Brita kaj Alilanda Biblia Societo. Edinburgo kaj Glasgovo. Nacia Biblia Societo de Skotlando. 1926. 100 pagoj 19 × 13 cm. — Prezo de la ordinara eldono ,tole bindita, estas 6 ŝilingoj. Pli bona eldono, sur delikata papero ekzistas en tri diversaj bindaĵoj, po 8 ŝ. 6 p., 12 ŝ. 6 p., kaj 20 ŝ.

La tradukado de tiu verko estas la laboro de multaj jaroj. La malnova Testamento ŝuldas sian formon al Dr L. L. Zamenhof, la kreinto de Esperanto.En la fruaj jaroj de la nuna jarcento li komencis traduki kaj eldonigi kelkajn librojn de la Malnova Testamento (Paris: Librejo Hachette) kaj antaŭ sia morto en 1927 li estis tradukinta ĝian tuton. La nova Testamento, preparita de traduka komitato sub la aŭspicioj de la Brita Kongreso de Esperanto kaj de la Brita Esperantista Asocio, kun Sro Pastro J. Cyprian Rust, kiel prezidanto de la komitato, eldoniĝis en 1912. De post tiu tempo aliaj konataj Esperantistoj kunlaboris. Sro J. Warden, unu el la sekretarioj de la 18a Universala Kongreso de Esperanto, Edinburgo 1926, klopodis pri la presado de la tuta Biblio. Laŭ vidpunktoj traduka, presa kaj eldona la libro estas ĉefverko epokfaranta. — Por ni ĝi estas la plej impona propagandilo, kiun ni ĝis nun havas.

KATOLIKAJ KANTOJ laŭ komisio de la Katolika Unuiĝo Esperantista en Vieno, kolektitaj kaj eldonitaj de Leopold Chiba. 78 paĝoj 14 × 9 cm. Eldonis 1927: Verlanganstalt Tyrolia A. G., Vieno I, Stephansplatz 5. Prezo: 2 aŭstr. ŝil. Kolekto de 40 religiaj kantoj katolikaj ,kun la notoj de la kantoj.

PROVERBS IN ESPERANTO AND ENGLISH. — From Zamenhof's Proverbaro. Translated by Montagu C. Butler. 160 paĝoj 8 1/2 × 6 cm. Aĉetebla: British Esperanto Association, Londono. — Prezo afrankite: 1 ŝ. 9 p. — Tiu ĉi bela libreto enhavas 580 proverbojn el la «Proverbaro» de Dro Zamenhof, kun angla similsenca ekvivalento. La libreto helpos egale al la lerno de la proverboj de Esperanto, kaj por lerno de la angla lingvo. Ĝi estas alloge bindita lede, en du stiloj: Glata bruna ledo, kaj malglata arta ledo (diversaj koloroj). Ambaŭ stiloj estas ore ornamitaj kaj literitaj; kun ora tranĉrando supre. La libreto estas ideala donaclibro por nasktago aŭ simila okazo. Ĝi estas facile metebla en la

veŝtpoŝo, kaj estas unikaĵo en la Esperanto literaturo. Ni deziras al ĝi grandan vendadon.

ESPERANTO IN HANDEL UND VERKEHR von Robert Kreuz, ĝenerala Sekretario de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. 112 paĝoj 22 × 12 cm. Eldonis 1926. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. Prezo Rmk. 1.80. La libro konsistas el tri partoj praktiko parola, praktiko skriba kaj aldono.La unua pritraktas la ĉiutagajn kaj komercistajn konversaciojn,la dua enhavas grandan aron da modelaj komercaj leteroj kaj dokumentoj, kaj en la aldono ni trovas varoliston, komercan vortareton kaj mallongan gramatikon de Esperanto. Ĉiuj tekstoj kaj listoj estas en germana kaj en Esperanta lingvoj.Ni rekomendas varme tiun bonegan libron al tiuj kiuj havas intereson pri la apliko de Esperanto en komercaj rilatoj.

PUBLIKAĴOJ DE LA ESPERANTO-KOMITATO DE LA BAHAA-MOVADO HAMBURG: BAHA'U'LLAH KAJ LA MISIO de Dro John E. Esslemont. Esperantigita el la angla originalo. 24 paĝoj 23.5 × 16 cm. Prezo nemontrita.

RELIGIO KAJ SCIENCO laŭ la lumo de la Bahaja Rivelaĵo, de J. E. Esslemont, M. B., 1919, haveblaj de Brita Esperantista Asocio, Londono. Prezo: 6 p. 32 paĝoj 18 × 12.5 cm.

VORTOJ DE ABDUL-BAŜHA, broŝureto 16 paĝoj 13 × 8.5 cm., eldonta laŭ kontrolo de la Amerika Nacia Spirita Kunveno. Prezo: 3 Cendoj.

KIO ESTAS BAHAA MOVADO? Okpaĝa propagandilo pri la citita movado spirita.

LA VERO PRI SUDA TIROLO 1819 — 1926. — Kompilita laŭ fidindaj aktoj kaj aŭtentaj faktoj de Hans Fingeller, Suda Tirolo. Esperantigita laŭ deziro de la aŭtoro de Sud-Tirolano. Eldonis: 1927 la aŭtoro. Prezo: 1 Rmk. Aĉetebla ĉe Ellersiek, Berlin S. W. 61. — 52 paĝoj 23 × 15.5 cm. Dokumento pri politika situacio speciala en Suda Tirolo. Diskutado pri la asertoj de la aŭtoro ne estas afero de pure Esperanton propaganda gazeto. Ni notu, ke la lingvo uzata en ĉi tiu libro estas tute korekta.

INTERNACIONALSTENOGRAFIO. — Sistemo de stenografio internacia por ĉiuj lingvoj: Gvidilo en Esperanto de F. De Kunovski. 8 paĝoj

21.5 × 14 cm. Eldonejo: Instituto de Internacionalstenografio, Luebeckerstrasse, 63, Essen-Ruhr (Germanujo). Prezo nemontrita.

MILIONOJ KIUJ NUN VIVAS NENIAM MORTOS! Libreto dediĉita al la homoj kiuj nun vivas sur la tero kaj kiuj sopiras vivon, liberecon kaj feliĉon. Eldonita de «International Bible Students Association,Brooklyn, New York U. S. A. 80 paĝoj 17.5 × 12 cm. Havebla ĉe «Garda Turo», Biblio- kaj Traktat-societo, Esperanto Fako, P. F. 15988, Baden, Argovio, Svisujo. Prezo: 2 respondkuponoj.

ORIENTO No 2. — Ilustrita Revuo en Esperanto. Eldonita de Esperanta Eldona Kompanio «Oriento», Harbin, Manĝurio, Ĥinujo. Novij-Gorod. P. O. Box 35. — 96 paĝoj 26 × 19 cm. Prezo 1/2 Us. Dolaro. — Enhavas tre interesajn artikolojn pri la historio, la vivo kaj la maroj en la orientaj landoj.

PALACO DE DANĜERO. — Rakonto pri Madame la Pompadour, de Mabel Wagnalls. Tradukis el la angla originalo Edward S. Payson, Honora Prezidanto de la Esperanto-Asocio de Nordameriko. Eldonis 1926: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. 206 paĝoj 19 × 13 cm. kun luksa tolbindaĵo. Prezo: Rmk. 6.—. Bela peco el la historio de Louis XV. La pentraĵo de la kortego tiama estas trafa. La amromano estas belstile verkita sur la lerte interplektita intrigo. La lingvo Esperanta estas simpla. Kiu komencos la legadon — kion ni forte rekomendas al ĉiu samideano kiu deziras pasigi kelkajn horojn per ripoziga literaturaĵo — tiu certe ne formetos la libron antaŭ ol esti vidinta la feliĉon de du junaj geamantoj, kiuj edziĝis post multe da malhelpoj.

INSULO DE FELIĈULOJ de August Strindberg. El la sveda originalo tradukis Oskar Frode. (Internacia Mondliteraturo, vol. 17). Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. 1926. 69 paĝoj 19 × 13 cm. Kartonita: Rm. 1.60. — Bonega traduko de la sprite satira kritiko de Strindberg pri la nuntempa socio.

BARBARAJ PROZAĴOJ de Prudenci Bertrana. El la kataluna originalo tradukis Jaume Grau Casas. (Internacia Mondliteraturo, vol. 18). Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. 1926. 59 paĝoj 19 × 13 cm. Kartonita: Rmk. 1.60. — La libro enhavas: «La forlasita vojo», «La kabanoj de la karbfaristoj», «La kamenoj de la gastejoj» kaj fragmento el «Josafat» (Novelo).

La aŭtoro havas grandan specialecon en la pritrakto de kamparaj

temoj, kiujn li ofte prezentas kun frapanta krudeco. La taŭgeco de la traduko estas garantiita de la nomo de la tradukinto, kiu ne estas nova konato por la legemaj Esperantistoj.

ANO DE L'RINGLUDO de Dinko Šimunović. El la kroata originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro Fran Janjić. (Internacia Mondliteraturo, vol. 19). 86 paĝoj. Eldonis 1926. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Kartonita. Prezo: Rmk. 1.60. — La verkisto konigas la vivon en la regiono de la rivero Cetina. La rakonto estas agrabla, facila komprenebla dank'al simpla kaj senerara traduko. Ni rekomendas tiun libron al la samideanoj, kiuj deziras konatiĝi kun verkoj el malgrandaj lingvoj.

SERVOKAPABLA! MARCUS TYBOUT. De Georges Eekhoud. El la franclingva originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro Leon Bergiers. (Internacia Mondliteraturo, vol. 20). Eldonis: 1926. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Kartonita. Prezo Rmk. 1.60. — Tiu ĉi libro estas la unua, kiu reprezentas nian belgan verkistaron en la bonega kolekto «Internacia Mondliteraturo» de Hirt. Ni tre timas, ke la Esperantistaro konsideros la du novelojn kiel el la «plej famaj verkoj de nia nacia literaturo». Ni opinias, ke estas libroj eĉ inter tiuj de Georges Eekhoud, kiuj pli multe meritis la honoron sin trovi en tiu kolekto. Ni tute komprenas tiun kunfraton, kiu diris, ke li ne volus meti tiun libron en la manojn de siaj infanoj.

8 LANGUES A LA FOIS de Eugène Paul Samsonovici. 1926. 2a eldono de la aŭtoro. 342 paĝoj 25 × 22 cm. Prezo: 50 b. fr.

Metodo por lerni ok lingvojn samtempe. La libro enhavas vastajn frazarojn en Rumana, Esperanta, franca, angla, nederlanda, germana, hispana kaj itala lingvoj. Ni gratulas la aŭtoron, ke li konsciis pri la utilo de Esperanto, precipe kiel helpilo por lerni aliajn fremdajn lingvojn. Krom tio ni esperas, ke baldaŭ li havu la okazon aperigi 3an eldonon, el kiu li povos forigi la bedaŭrinde multnombrajn erarojn en la Esperanta teksto.

---

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, RUE NEUVE, 18 — LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO: „ PERFECTA „ GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

EKSPORTADO

ĈIE AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders-Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)